.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



PLENUMITA 27/06/2019 Kvarcenttridekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)

**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj** reta-vortaro Freelang Vortaro Plena Ilustrita Vortaro Duolingo Google Translate Pasintaj AE eldonoj duolingo entute lingvohelpilo Esperanta Retradio Esperanta himno PMEGramatiko openclipart.

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 845,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 320,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas 301,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas 214,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.74






P.A.G. asertas, ke "iama" ĉiam signifas "iam estinte". Mi dubas pri tiu redukto, ĉar "Kiam mi havos la monon, mi planos vojaĝi; mia iama vojaĝo inkluzivos viziton al Kanado". Ĝi ĝuste rimarkas, ke en tiaj kazoj oni povas uzi "inte" kaj "onte" (same kiel mi uzas "ante al" kaj "ate de").

En $ 194 P.A.G. diras: "Pro la multsignifeco de (la prepozicio) "de", ofte estas oportune distingi la tempan "de" disde la alisignifaj. Tial Zamenhof enkondukis "de post" kaj Grabovski "ekde". Mi preferas "el de", ĉar "de post la manĝo" ne necese signifas "tuj post la manĝo", kaj "ekde" gramatike devus esti "eke de" ĉar "ek" povas prefiksumi nur agon, verbon ("eksupo" ne eblas). P.A.G. mencias ankaŭ, ke "de post kiam" kaj "ekde nun" k.t.p. estas "senutilaj vortplimultigoj". "De" esence signifas "apartenante al" (la biciklo DE la knabino), sed ĝi oficiale havas ankaŭ tri aliajn signifojn. Dum la historio de Esperanto ĉiuj Esperantologoj penis trovi solvojn por tio, sen kompleta sukceso, ĝis mi trovis "ante al" kaj "ate de" kaj "el de".

(daŭrigota) *Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 6a de julio estos la unua sabato. Venu



*Roger Springer.*



# LA MEDIO



La nuna ekomonia sistemo bezonas ke la plej multaj homoj aĉetas ajojn kiuj estas dezirataj ne bezonataj.
Do la fabrikoj gajnas monon kaj damaĝas la medion.
La aĉetantoj forĵetas uzeblajn aĵojn kun la celo esti modaj, tute pensante pri la damaĝo kaŭzita al la medio.
Kiuj estas plej kulpaj?
La ekomonia sistemo, la fabrikoj, aŭ la uzantoj?
Ŝajnas ke profito pli gravas ol la medio.
Kion vi opinias? *Roger Springer*





ktp, ktp, ktp





## LA AZIA-OCEANIA KOMISIONO DE UEA RENOVIGIS SIN

Konforme al la trijara mandato por oficĥavantoj en UEA, la Komisiono pri Azia-Oceania Esperanto-Movado (KAOEM) estas ĵus renomumita de la estraro de UEA. 14 aliĝintaj landaj asocioj de UEA rajtis rekomendi po unu reprezentanton por kune konsistigi la komisionon. Dum tri jaroj ili gvidos la movadon de du kontinentoj.

Por efike kunlabori, KAOEM dividis sin en jenajn 4 regionojn:
* Okcidenta kaj Centra Azio : Irano (Hamid babadi Akasheh), Israelo (Eran Yuval-Vodevoz), Taĝikio (Firdaus Ŝukurov);
* Suda Azio : Barato (Giridahar Rao), Nepalo (Mukunda Raj Pathik Wagle), Pakistano (Irfan Mehdi);
* Sud-Orienta Azio kaj Oceanio : **Aŭstralio (Sandor Horvath)**, Indonezio (Sondang Ilia Sumilfia Dewi), Nov-Zelando (Bradley McDonald), Vjetnamio (Nguyen Thi Phuong Mai);
* Orienta Azio : Ĉinio (Wang Ruixiang), Japanio (Nisinaga Atusi), Koreio (Oh Soonmo), Mongolio (Chimedtseren Enkhee).



La nove konsistigita gvido-teamo de KAOEM estas jena:
Prezidanto. S-ro Nisinaga Atusi;
Vicprezidanto. S-ino Nguyen Thi Phuong Mai;
Sekretario. S-ino Oh Soonmo;
Vicsekretario. S-ino Sondang Ilia Sumilfia Dewi.



*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

KAOEM okazigas sian kongreson en ĉiu tria jaro, ŝanĝante la kongreslandon simile kiel UK. Laste, de la 25-a ĝis la 28-a de aprilo, 2019, okazis la 9-a Azia-Oceania Kongreso de Esperanto en Danang, Vjetnamio, en kiu partoprenis 281 esperantistoj el 22 landoj. La 10-a kongreso okazos en Busan, Koreio, en 2022.

Informas AEon *Katja Steele*



# Ĉu paco en niaj ĝardenoj?

## ĈU ESPERANTISTOJ ESTAS PLI PACEMAJ ?



Dum mia okdekkvinjara Esperantisteco mi konstatis, ke la Esperantistoj estas ĝenerale pli pacemaj ol la homoj ĝenerale. Mi atribuas tion ne al la posta influo de Esperanto, sed al la fakto ke estas kutime la pli pacemaj homoj kiuj altiriĝas al mondolingvo, do al Esperanto. Aliflanke mi travivis grandajn batalojn inter Esperantistoj, ekzemple en Aŭstralio en 2007, kun pugna batalo, en Usono antaŭ duona jarcento, kie fine la interbatalantoj kreis siajn proprajn Esperanto-organizojn, kaj en Vjetnamujo antaŭ deko da jaroj kie la plej sperta Esperantisto ŝtelis la tutan libraron de la hanoja Esperanto-societo (mi vizitante vidis la libraron mem, fiere montrata de la ŝtelinto ĉar "ili estas pli utilaj en mia domo kaj posedo".



*Marcel.*



## ĈU PACO EN LA NATURO ?

Sed ankaŭ niaj bestoj regule batalas, kelkfoje eĉ inter si. Ili ne estas pacemaj: via kato mortigas pulojn, mia kato kaptas musojn kaj murdas ilin. Ĉu Dio estis afabla kaj bonkora, kiam li kreis naturon kun malpaco, mortigado, kaj suferado? Ĉu eble Li Mem estas malpacema kaj mortigema?



Kiu scias?

Kaj ĉu ne pro tiu batalado ĉe la animaloj, ĉu ne ankaŭ ni, kiuj ja estas animaloj, devas esti batalemaj inter ni, krom esti batalemaj kontraŭ moskitoj kaj kontraŭ certaj bakterioj? Ne, kaj en la animala mondo ni trovas ankaŭ grupojn de animaloj ĉe kiuj ili helpemas al aliaj en sia familio aŭ tribo, kaj ili certe estas defendantoj de siaj infanoj. Same kiel la abeloj protektas siajn grandajn familiojn, tiel same la homoj povus protekti kaj pacemumi ĉiujn aliajn membrojn de la homara familio. Ili ankoraŭ ne faras tion, kvankam la religioj pene sukcesis ofte, kaj ankaŭ kreis kelkfoje malamon kaj batalemon.

*Marcel Leereveld.*

## MIA MALSANO.

Mi tre dankas ĉiujn kiuj esprimis deziron ke mi baldaŭ resaniĝos. Mi esperas ke ili ne ricevu malsanojn. *Marcel.*



## ĈU GREZILJONEN?



En la 431-a A.E. aperas artikolo por konsili al tre spertaj Esperantistoj iri al Gresiljono por eĉ pliperfektiĝi en nia lingvo. Sed kiel ni povas konvinkiĝi pri tio, se en la priskribo de la kursoj jam aperis kvin bazaj, kvankam ofte uzataj, eraroj gramatikaj? Mi certe hezitus iri por instruati per eraroj. Mi komprenas ke nuntempe instruistoj de komencantoj (ankaŭ mi devis fari tion en infanlernejoj) instruas tiujn erarojn, ĉar ili tiom ofte aperas en la eŭropaj gazetoj Esperantaj, sed ĉu al spertuloj oni ne devas instrui la perfektan kaj seneraran Esperanton?

**1.a**: la artikolo promesas, ke ni partoprenos al kurso kiun ni jam faris antaŭe, ĉar "Ĉi tiuj kursoj estos prezentitaj", kio signifas "estos antaŭ ol kiam vi estos tie" ili estos "prezentitaj,", do jam antaŭe prezentitaj, en iu ajn antaŭa tempopunkto, eĉ jaro.

**2.a**: La vorto Francio estas naŭzige mal-Esperant-eca kaj gramatike neebla.

**3.e** "Tio estas, vi lernos" devas esti "Tio estas, ke vi lernos".

**4.a** Vi lernos kaj vi lernis samtempe en "vi lernos kiel lernanto, kaj vi lernis ankaŭ kiel iĝi kursgvidanto". Do unu aferon vi lernos tie dum aliajn aferojn vi tie jam lernis antaŭe.

**5.a** En Esperanto oni ne havas en vorto du samajn sisekvajn konsonantojn (escepte kaj alternative, en kunmetaĵoj), ĉar oni devus dufoje prononci la literon, kion povas fari la italoj sed ne aliaj popoloj. Tial uzi "Finnlando estas kontraŭ la spirito de Esperanto kaj naŭziga. Oni uzu "Finlando", kiu ne estas kunmetaĵo de "fino" kaj "lando", aŭ "Suomio", la propra nomo de la lando.

**6.a** "julio´ signifas "iu ajn julio" kaj do devas esti "La julio". Pli logika estas la ĉeflitera "Julio", kiu ne bezonas "la" ĉar ĝi estas propra nomo.

**7.a** En Esperanto oni ne metas finaĵon nek streketojn nek punktojn nek ĉefliterojn nek sufiksojn interne de vorto, kaj kunmetita vorto estas memstara vorto, en kiun oni ne povas meti infiksojn, kiel en la vjetnama lingvo. (*cat* > *kait* por *kitten*). Tial oni ne povas diri "antaŭenigi", kiu estas tre kontraŭ-Esperant'eca. Ĝi devas esti "antaŭen igi" aŭ "igi antaŭen" aŭ " "antaŭigi" aŭ "alantaŭigi".

**8e.** En predikativoj rilataj al infinitivo aŭ suborda frazo Zamenhof uzis kelkfoje la ĝustan adjektivon kaj ofte la malĝustan adverbon. Do estas logikA, uzi "paradoksA" anstataŭ "paradoksE" k.t.p.

En alia artikolo pri Greziljono en A.E. , nome ate de Fransoazo, mi trovis neniun eraron. Mi do ne hezitus instruati de ŝi pri gramatikaj aferoj kiujn mi ankoraŭ ne scias pri Esperanto.

*Marcel Leereveld*.

## LA MODALAJ HELPVERBOJ.



En antaŭaj klarigoj mi menciis, ke la Predikatoj kun Predikativo devus esti simplaj verboj kun siaj specialaj sufiksoj, do unuvortaj Predikatoj, ĉar tia Predikativa Predikato reprezentas unu solan, kvankam komplikan, signifon de unu ago, do per unu verbo. Tiu unusignifeco de verbo kun sia Predikativo okazas KAJ ĉe la Subjekta KAJ ĉe la Objekta Predikativo. Io simila okazas ĉe la Modalaj Helpverboj, kiuj kun sia ĉefverbo funkcias kiel Predikativa Predikato, do ke la ĉefverbo estas Predikativo. La

etnaj lingvistoj neniam mencias tion. Pro tio tiuj helpverboj devus kun sia ĉefverbo ekzisti kiel unu verbo, do Predikato enhavanta nur unu kompleksan verbon. Simile kiel ĉe Predikativaj Predikatoj, oni povus renkonti solajn verbojn indikantajn la helpverbon kaj la ĉefverbon en unu vorto. Ni rigardu ĉu ĉe la tri specoj de Predikativa Predikato uzatas en Esperanto unuverbaj alternativoj. En la etnaj lingvoj tio okazas nur iomete ĉe la Subjektaj kaj Objektaj Predikativoj, sed neniam ĉe la Modalaj Predikativoj. Jen do la tri specoj de Predikativaj Predikatoj, la Subjekta, la Objekta, kaj la Modala.

**SUBJEKTAJ PREDIKATIVOJ.** Tiuj estas la tipo "Ŝi estas flegistino". La helpverboj por ĉi tiu Predikativo estas variaĵoj de "egali al", kiel " ŝajni, resti, iĝi, aspekti", kaj kelkaj pliaj: "Ŝi NOMIĜAS Heleno". La unuvortigoj okazas preskaŭ nur ĉe la helpverbo "esti": "Tio estas necesa" > "Tio NECESAS", kaj "Li estas malsana" > "Li MALSANAS". Jen kelkajn pliajn: "Diselpetrolo ĉi tie HAVEBLAS",; "Pano ĉi tie apenaŭ MANĜATAS"; "Kompreneblas, ke li retrovenos".

Kiel en la perfektaj lingvoj etnaj, ankaŭ en la perfekta Esperanto ĉiuj du alternativoj havas nuancan signifodiferencon. Ĝenerale la unuvorta verbo havas pli fortan efikon sur la diranton kaj sur la aŭdanton: Kiam virino "estas bela", oni mencias fakton, sed kiam "La virino BELAS", tiu beleco agas sur vin tiel ke vi sentas hele la belecon. Ekzistas similaj nuancdiferencoj ĉe la aliaj alternativoj. Tial Esperanto estas same signiforiĉa kiel etnaj lingvoj.

**OBJEKTAJ PREDIKATIVOJ.** Tiuj estas la tipo "Mi kolorigas la domon BLANKA". Kelkfoje oni renkontas la unuverban alternativon: "Li BATIS la hundon MORTA" > "Li MORTBATIS la hundon", kaj "Mi pentris ŝin nuda" > "Mi nudpentris ŝin". Se mi estus nuda, mi dirus "Mi pentris ŝin nude, kaj tio ne povus ŝanĝati al "nudpentras" ĉar la regulo diras ke oni ne povas kunmeti verbon kun sia adverbo; krome tio donus du malsamajn signifojn por unu vorto "nudpentri". La plej ofta unuvortigo de verbo kun sia predikativo okazas per la verba sufikso "–igi" kiel sendependa verbo, kiel en "Mi blankigas mian domon". Sed la signifo de tiaj kunmetoj estas malpli preciza ol la kunmetoj kun specifa verbo, kiel en "Mi manĝigis lin" kaj "Mi ordonis lin manĝi".

Multaj unuverbigoj eblas anstataŭ Predikato, kiel "Mi TROVIS lin PRETA por la promenado" > Mi PRETOTROVIS lin por la promenado", sed la Esperantistoj preferas la pli longajn esprimojn. Do uzatas nur la formoj kun "-igi" kaj la frazoj kiaj "Mi instruas lin naĝi" > "Mi naĝinstruas lin".

**MODALAJ PREDIKATIVOJ**. En etnaj lingvoj neniam, kaj en Esperanto okazas nur unu aŭ du unuvortigoj ante al la Predikato, ekz. "Mi povas pagi" > "Mi pagpovas" kaj "Mi nun volas flugi en la aero" > "Mi nun flugvolas en la aero". Sed la Esperantistoj, parte pro eŭroplingva influo, ne emas uzi tiajn kunmetaĵojn, kvankam pluraj eblus. Nur ĉe la sufikso "iĝi", kiun oni povus juĝi esti modala helpverbo, oni povus diri, ke ĝi ĉiam bezonas predikativan infinitivon, kaj kiam tia mankas, la infinitivo estu subkomprenata: "La vetero iĝis pli varma" > "La vetero iĝis ESTI pli varma " > "La vetero ESTIĜIS pli varma" > "La vetero iĝis pli varma" > "La vetero plivarmiĝis".

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

Cetere la propraj modalaj helpverboj, do tiuj, kiuj ĉiam bezonas infinitivon por kompletigi la predikaton, estas "povi, voli, devi, peni, igi, inklini, procedi, konsenti, permesi, ĉesi, sukcesi", dum pluraj ordinaraj verboj povas funkcii kiel modala helpverbo, kiel "Li daŭris labori ok horojn".

*Marcel Leereveld.*



# Io devas ŝanĝiĝi, ĉu ne?



Ie, certe ne sur tiu ĉi planedo, troviĝas belega ĝardeno. Mi ne plu memoras ĝian nomon, sed ĝi certe estas multe pli bela nomo ol "Tero"! Male al la kondiĉoj sur "La Tero" troviĝas tie nur tute perfektaj estuloj, ili eĉ ne nomatas homoj, ili certe estas multe pli inteligentaj kaj perfekte agantaj ol ni, la tiel nomataj homoj, nomo, kiun ni ankoraŭ ne meritas!

En tiu belega ĝardeno, inter miloj da belegaj bonege odorantaj floroj, kiujn oni neniam vidas sur "La Tero", troviĝas sidejo por nur unu persono. Sed sur ĝi sidas fakte tri personoj en profunda kaj serioza interparolo unu kun la aliaj.

La unua persono havas multajn malsamajn nomojn, donitaj al Li de multaj malsamaj homoj sur "La Tero". Multaj homoj preferas nomi Lin per Lia titolo, kiu estas Dio!

La dua persono havas nomon, ĝi estas Jesuo. Li estas la filo de Dio, kaj fakte multaj homoj sur "La Tero" rigardas Lin kiel Dion!



La tria persono estas Sankta Spirito. Li estas, same kiel la du aliaj, ĉion scianta, kaj tial la tri Diaj personoj estas ofte nomataj nur unu. Sed tamen, ĉu ne? Unu estulo konsistanta el tri personoj!

Tie ili do sidas sur la belega sidloko en la belega ĝardeno kun la multegaj bonodorantaj floroj. Ili ne estas lacaj, tiuj tri personuloj neniam laciĝas. Ili estas multe pli bonaj kaj saĝaj ol ni. Ili rigardas malsupren al la malpli bona "Tero". Unu el ili diras: "Vidu ilin, Mi antaŭ longe, eĉ longege, diris al ili, ke ili devas ami unu la alian. Sed anstataŭ fari tion, ili arestas tiujn, kiuj pleje bezonas amon kaj helpon. Ili arestas ilin kaj enkarcerigas ilin, edzinojn, edzojn kaj iliajn infanojn. La plej multaj el ili mortas pro malsato kaj malsanoj. Oni rifuzas helpi ilin. Mi permesis al ili iri ien ajn al alia loko por serĉi sekurecon kaj helpon, sed tiuj aliaj homoj konstruas murojn inter la popoloj. Ili ankoraŭ erare kredas, ke "La tero", sur kiu ili naskiĝis, apartenas al ili. Kiom stulta oni povas esti sur tiu "Tero"? La tuta "Tero" ne apartenas al la homoj, "La Tero" ja apartenas al Mi, ĉu ne? Amante Mi sendis ilin al "La Tero" por ke ili vivu tie kaj lernu kelkajn lecionojn antaŭ ol ili estos indaj veni al tiu ĉi multe pli belega kaj bonodoranta florĝardeno."

Mi sendis ilin surteren por ke ili lernu amon, t.e. helpadon al tiuj, kiuj bezonas, eĉ bezonegas helpon. Sed la instruantoj, kiuj devus instrui ilin, instruis nur malamon al ili, ĉar ili ne naskiĝis en la lando de la instruantoj. Kaj ankaŭ, ĉar ili parolas tute alian lingvon ol la anglan, kvazaŭ la angla estus pli bona kaj bela ol la lingvo, kiun la suferantaj homoj parolas. Verŝajne la instruantoj tute ne volas ke ĉiuj homoj komprenu unu la alian. Li sendube kredas, ke tio estus danĝera por ili, la regantoj!"

**_Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE_**



Sed Ni ne forgesu, ke ni havas ĉi tie, en tiu ĉi belega ĝardeno, inter miloj da belegaj, bonege odorantaj floroj, bonege odorantan floron, nomatan Lazaro Ludoviko Zamenhof. Li bonege kaj fidele sekvis Mian ordonon kaj kreis, per Mia helpo, lingvon facilan por la tuta homaro, por ke ĝi povu pli facile interrilati kaj deziri ĉiam helpi unu la aliajn. Kion Vi pensas pri tio? Ĉu Ni resendu lin al "la Tero"? Li sendube farus multe pli da bono por ĉiuj ol tiu, kiu nuntempe erare sin kredas la plej saĝa kaj inteligenta homo, kvankam la plej multaj el Miaj kreitoj sur "La Tero" suferegas. Sed eble Mi ne sendos Lazaron Ludovikon Zamenhof reen al "La Tero". Li sendube meritas ion pli bonan. Li ja jam faris sian plej eblan kaj bonan por helpi la tutan homaron ami unu la alian. Sed lia tasko ankoraŭ ne estas finita. Ni ja ankoraŭ vidas multajn diversajn armeojn sur "La Tero", terarmeojn, mararmeojn kaj aerarmeojn ktp. Kompreneble la plej multaj el tiuj armeanoj ne deziras mortigi siajn multajn surterajn gefratojn. Sed tamen Mi nun pensas pri unu certa persono, kiu ja imagas al si, ke li havas la potencon ordoni amasmurdadon al tiuj tro multegaj armeanoj. Kion pensas vi, miaj du amataj, Jesuo kaj Sankta Spirito? Ĉu estas tempo por ke ni agu? Estas ja unu persono kiu suferas pro memestimo. Eble Ni devus movi lin. Sed certe ne ĉi tien. Ĉu iu el Vi povus nomi iun lokon, en kiu li meritus pasigi kelkajn jarcentojn por provi, sur sia propra korpo, kiel estas vivadi sub la regado de kruela kaj mortigema fiulo?

*Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Richard Simcott, hiperpoliglotto



Karaj,

La fama hiperpoliglotto Richard Simcott estos en Melburno de la 20a ĝis 22a de septembro por lingva evento. Li studis proksimume 50 lingvojn, parolas flue almenaŭ 30 inkluzive de Esperanto. Spektu lin paroli en Esperanto https://www.youtube.com/watch?v=gvSF1m2gNHw



Amike, *Nicole Else*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# PRI PLASTO PENSOJ



Lastan semajnon en la *West Australian* la supermerkato-kompanio Coles fanfaronis per pagita, tutpaĝa anonco: "Dum la pasintaj 12 monatoj ni NE distribuis 1.7 bilionojn da plastaj saketoj intencitaj por unufoja uzo."

Al mi sekvis la demando: do, dum jardekoj da nelimigita distribuo de tiuj plastaj saketoj, kiom da dekoj, centoj, eble miloj, da tunoj vi *ja* distribuis?

Kaj ni, pigraj kaj atentomankaj manĝaĵo- kaj varo- aĉetantoj, kiom ni tiele trudis al nia suferanta planedo? Ege.

Krome: mondvaste kaj ĉiutage la damaĝo fare de plastaj ujoj, saketoj, kovriloj, volvaĵoj daŭras - eĉ la matena ĵurnalo venas perplasto volvita.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

Sendube (esperebIe?) la plimulto el niaj legantoj utiligas plurfoje la plastaĵojn antaŭ ol purigi kaj forĵeti ilin en la koncernan porreciklo-rubujon.

Por fini je pozitiva noto, pli kaj pli da landoj konscias pri ĉi tiu problemo kaj komencas kontraŭagi - eĉ ja la kapitalista giganto, NovJorko! Se vi interesiĝas, vi povas "gugli". (Konfesendas, ke mi jam amasigis sufiĉe vastan stokon de tiuj saketoj ktp por utiligi dum la kiu-scias-kiom-longdaŭra cetero de mia vivo.☺) *Vera Payne*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

http://novajhoj.weebly.com/



***Somera Solstico - 2019 juno la 21an Francujo - Savojo - Shamberujo***

***Geopolitika analizo pri EDEaj celoj - http://e-d-e.org/?lang=eo far Kristien Garino - federlangue3@yahoo.fr***

Saluton al samesperantaro,

Mi parolas ĉi-tie en mia propra nomo sed ankaŭ tamen, kiel unu el la pioniroj de la EDEa Movado ekde 2003 okaze de la la 88a UK en Gotenborg el Svedujo. Ni sukcesis ĉi-jare en Francujo, starigi la kvaran partoprenon ĉe la parlamenta eŭropa voĉdonado (2004, 2009, 2014, 2019, ..). Certe la glaso estas duone-duone plena-malplena sed ne estas la punkto pridebatita.

Unue, mi imagis fari petan demandon pri opinio kaj konstruiga kritiko pri tiu agado sciante ke la afero estas grava por ĉiuj sed samtempe malakorda por iuj. Ĉiel ajn, mi estos pli konciza kaj preciza eĉ se oni ĉiam povas ankaŭ esprimiĝi tute libere kompreneble kiam oni ŝatus.

Do, mi fakte nur proponas analizon geopolitikan pri la nuna konfliktopotenciala situacio nia.

Ne la interna situacio de la esperanta movado, kvankam ni havus tiom por diri tiusubjekte, sed pli evidente rilate al la internacia trudado de la ekonomio unuflanke kaj de la ideologio aliflanke. Certe Zamenhof petegis favore al paco en sia kreadlaboro, kaj komuna neŭtrala lingvo krome celas tion, malgraŭ la risko esti devojigita kiel iu ajn lingva kaj lingvistika empiria provo.

Jen la realeco estas tre malsama, des pli ke la monordo regas la sorton de la homaro senlime.

Tamen hodiau, ni vidas potencan emon el Eŭrazio por kunigi politikan eksalton al komuna kooperado kiu disiĝas de la tradicia perforto de la okcidenta civilizacio. Eble estas simple ia necesa konfrontado antaŭ nova unuiĝa partopreno ? Sed eble ne ! Neniu scias ĝis nun..

Kion mi ŝatas komuniki je tiu punkto, estas la ebleco por ni, advokatoj kaj defendantoj de la justa lingvo, ke nia deviga agado iru al la kooperado "en si" ! Ĉinujo, Rusujo kaj Hinda Unio kiel la plej influhavaj nacioj de Eŭrazia komunumo estas indaj je tia lingva klopodo. Esperanto estu nun ilia logiko por disdividi iliajn rilatoj inter si kaj kun alilandaro. Tion ne eblas esperi Okcidentflanke.

Almenaŭ ne baldaŭ, se ne ekas forta volema agnosko aliflanke. Tion Eŭrazio povas oferi kiel provo kaj pruvo direkte al paca atesto kaj racia politiko. Tie kuŝas la senco de mia pripensado kaj rezolucio, kion mi atendeme diris dum la balotkampanjo, tien kaj reen, por

komprenigi la amplekson de tiu momento, kaj sugesti al vi kiel la naciaj registaroj reekzamenu tian barakton !

Fakte la "aĵo" estas simpla, sed ĝia konsciigo kaj la uzo de ĉiuj rimedoj estas iom pli kompleksaj. Tial necesas analizi la pravecon kaj la legitimecon de la propono. Tamen la tempo estas grava faktoro je la kondiĉo jena. Nevaloras do polemiki se konvinko fiaskas. Energion ni prizorgu por favora partopreno en la disvastigo de tiu mesaĝo, tiel ke ĝi atingos sian efekton.

Kore dankas mi al ĉiuj. *@Kristien*






Nuntempe la BES prezidanto Doug Eising serĉas por novajn Esperantistojn en la suda germana montaro (foto). Nia venonta konveno estos en GATTON, la 13-an de Julio apud la Lago Apex kune kun TES membroj el Toowoomba. *Peter Danzer*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***